3ª jaro - Noj 7-8 (26-27) (Publication mensuelle) Julio-Aŭg. 1935

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro : Raymond SCHWARTZ
Redakcio : 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio :
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e
FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

KAJ NUN ?
ĈU VI JAM ALIĜIS AL LA 29-a
EN VARSOVIO ?

# TARIFO DE L'ABONOJ

---

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

en Francujo . . . . . . . . . . . . . . . . . . 10 fr. fr.

en Landoj aliĝintaj al la Konvencio
de Stockholm. . . . . . . . . . . . . . 12 fr. fr.

en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . . 15 fr. fr.

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

---

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIVe

---

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# Survoje al Kongreso... *)

Survoje al kongreso
Dum tiu jaro ĉi
Mi vidis — kun impreso —
Junulinetojn tri...

Bela estas la kongreso
Por la fraŭlo kaj fraŭlin'
Kaj ne gravas, se promes—o
Trompos ŝin... aŭ lin!

L' unuan mi invitis:
« Nu venu do al Rom'! »
Kaj ŝi konsente spitis:
« Jes, sed... per via mon'! »

Bela estas la kongreso...

La duan nun mi tentis:
« Ĉu estos kis-okaz'? »
Kaj ankaŭ ŝi konsentis:
« Sub palmo... en oaz'! »

Bela estas la kongreso...

Al tria mi parolis:
« Ni amos nin, ĉu ne? »
Kaj tiam ŝi kontrolis
Laŭ... la metodo Cseh!

Bela estas la kongreso
Por la fraŭlo kaj fraŭlin',
Kaj ne gravas, se promes—o
Trompos ŝin... aŭ lin!

RRRRRRRRRR.



*) Laŭ la muziko de « Ah les fraises et les framboises... » kiun kiel kutime, ni plezure liveros kontraŭ du respond-kuponoj poŝtaj.




# La karuselanta estraro

Kompare kun la antaŭjaraj kongresfestoj la nunjara Universitala turisma entrepreno prezentas agrablan varianton kaj se oni konsideras la kongreson kiel kulminpunkton de l' Movado, oni devas konfesi, ke ĉi tiun jaron la dirita punkto estis vere elasta, ĉar ĝi etendiĝis ne nur tra granda parto de Italujo, sed ankaŭ tra dezertaj partoj de l' Afrika kontinento. Tiu punkto, vere, bonege plenumis sian taskon kaj sub tiu ĉi moviĝema formo ĝi sendube perfekte reprezentis la Movadon. Kaj tamen, ni ne estas kontentaj. Ankoraŭ ĝi ne estas la ĝusta formulo ; ankoraŭ ĝi estas nur embrio, sed jam kuraĝaj pioniroj antaŭvidas ĝian definitivan konturon.

Kontraŭ la ĝisnuna kongresformo elokvente parolas multaj argumentoj kaj nur pro kompato al nia elita legantaro ni ne citos ilin. Ni diru nur, ke la kongresoj havis kelkan utilecon kaj grandan manifestacian valoron en la komencaj jaroj de Esperanto, je tiu glora epoko, kiam la samideanoj estis en siaj vilaĝoj, urboj aŭ eĉ landoj, izolitaj ekzempleroj de supera homspeco. Tiam ĉiu el ili sin demandis : Ĉu aliloke kreskas similaj individuoj kiel mi ? Kaj por ilin konvinki, oni kunvenigis ilin ĉe la kongreso. Sed hodiaŭ, maloftaj estas la Esperantistoj, kiuj neniam havis la okazon vidi, palpi kaj flari alilandan specimenon. Sekve, la kongresoj tiaj, kiaj ni uzas ilin, estas superflua luksaĵo kaj — kiel ĉiuj luksaĵoj — multekosta afero.

Kaj nun, sincere, diru, kio estas la ĉefa altirforto de niaj kongresoj? — Ĉu la fremdaj urboj kun siaj ŝtone rigidaj monumentoj kaj strangaj strat-labirintoj, en kiuj vi senelire perdiĝas? Ne, — ĉar ja ne plu ekzistas fremdlandaĵo, kiun ni ne konas tre intime, dank' al la kinematografo! — Ĉu la nomada vivo sur vagonaraj benkoj aŭ la hotela loĝado kun ĉiuj ĝiaj neantaŭviditaj mizeretoj? Ne, — ĉar ja ĉiu preferas la hejmajn pantoflojn kaj malpli bruajn matrac-risortojn. Do, kio ĉefe altiras nin al niaj kongresoj?

Ho, karaj legantoj, komprenu bone la solenecon de l' momento, kiam nun fiere, parolante el la koro de ĉiuj Esperantistoj, ni proklamas: Nin altiras niaj eminentuloj, niaj oratoroj, retoroj, direktoroj.

Kaj nun, kiam fine ni malkaŝis la grandan sekreton, ni povas demandi nin (kaj samtempe respondi), ĉu ne estus eble trovi pli simplan, pli modernan formulon? Kaj ni pensis pri la karuselo.

Anstataŭ mobilizi ĉiujare la tutan Esperantistaron, anstataŭ organizi ĉiujare korŝirajn adiaŭajn scenojn en ĉiuj civilizitaj stacidomoj, disigi de amanta edzino la edzon, de ŝirmbezonaj infanetoj la patrinon, ĉu ne estus pli humane lasi ĉiun en sia truo kaj anstataŭ movigi armeon rondirigi nur la stabon? Duonfermante la okulojn ni vidas la bildon de l' estonteco, ni vidas la karuselantan estraron, kiu, simile al aliaj naciaj ministroj, migros de urbo al urbo, vigligos la fervoron de l' dormemuloj, sidiĝos ĉe bankedaj tabloj kaj himne prikantos la kuirarton de l' loka grupprezidant-edzino. Tiamaniere la senmonulo en Liverpool same kiel la malriĉulo en arbara distrikto de Transilvanio ĝuos almenaŭ unu fojon dum sia vivo la unikan spektaklon, kiun prezentas niaj diskutantaj eminentuloj kaj li povos ĝojebrie kun dankaj sentoj konfesi kiel la biblia Simeono: *Nunc dimittis servum tuum...*

La radio-aparatoj funkcios senpaŭze kaj niaj gazetoj havos ion interesan por rakonti. « Lastan dimanĉon generalo Bastien parolis en Hilversum antaŭ mirreganta publiko. Proksiman dimanĉon S-ro Kort. Kons. Kreuz respondos en Ateno... »

Tia estos la estonteco kaj ni ŝparos monon.

La dejoranta Pirato.

———•⌘•———

*SUB LA SIGNO DE REKORDOJ*

# La Pirato publikiĝas la plej unuan kongresraporton!

Ni ja vivas sub la signo de l' rapideco. Jam du semajnojn antaŭ la malfermo de l' nunjara kongreso en Italujo, ĉiuj Esperantistoj, kies adresoj estas iel haveblaj per normalaj rimedoj, ricevis ne nur aliĝilon por la... 28-a en Vieno sed samtempe ankaŭ la kompletan programon de l' proksimjaraj plezuroj. Ni ne intencas diskutaĉi, ĉu estas oportune, dece kaj konkurenclojale tenti la kongreskapablulojn al partopreno ĉe la postproksima jam antaŭ ol oni enterigis la nunan. Sed oni permesu al ni konstati, ke tiu ĉi antaŭtempa kongresofensivo ĵetis certan konfuzon en multajn cerbojn, kiuj ankaŭ sen tio, pro la kutimaj antaŭvojaĝaj ekscitiĝoj estis febre bolantaj. Ĉu ni ne vidis propralorne kelkajn parizajn karavananojn, kiuj ĝisfunde eraris kaj sin direktis al la Orienta Stacidomo, forgesante, ke la plej rekta vojo al Romo eliras el la Stacidomo de Lyon? — Ĉu ne multaj aliaj, kun stranga rigardo en la dekstra okulo, timeme informiĝis ĉe deĵorantaj policistoj, ĉu la kongreso okazas en Italujo aŭ en Vieno?

Sed krom ĉi tiu eta konfuzo, kiun estontece oni devus eviti, la nova rapida kongresvarbado estas nepre salutinda. Unue, ĝi permesas al multaj, multaj, kiuj ne povas ĉeesti la nunjaran, konsoli sin per la tromppromeso, ke la proksiman jaron ili certe veturos... kaj due, tiu metodo perfekte respondas al la postuloj de nia agitata epoko. Sed la Vienaj Organizantoj ne kredu, ke ili sukcesis per sia rapideco mirigi nin! Ja ankaŭ ni kapablas je rekordoj! — Konsciaj, ke ankaŭ ni devas kunlabori al la jarcenta progreso, ni ŝuldis

al nia reputacio distingiĝi unu fojon pli inter la Esperanta Gazetaro kaj ni povas nun senhezite, sen troa aplombo kaj kun la brila sereneco de trankvila konscienco aserti, ke estas *La Pirato*, kiu tutsola inter ĉiuj aliaj seriozaj gazetoj publikigas la unuan raporton pri la Viena Kongreso! — Dank'al Sala Fumal, kiel diras nia amiko Laval (ne la ministro, sed la simpatia tipo!).



# Rapid-raporto pri la XXVIII-a

Vieno, dum aŭgusto de l' kongresjaro 1936.

Mi ne atendigu vin pli longe, ĉar ja vi avidas scii, ĉu entute ĝi sukcesis, — do sciu, ke ankaŭ ĉijare la kongreso estis la plej grandioza, kiun iam ni travivis. Malgraŭ maltrankviligaj artikoloj, kiuj aperis dum la lastaj monatoj en la tutmonda ĵurnalaro pri la ŝvebanta konflikto inter Aŭstrujo kaj la Respubliko Nigeria, multaj samideanoj tamen kuraĝis veni al Vieno por porti al la kuraĝa aŭstra popolo, kiun grave minacas en sia ekzistado la konkeremo de afrika gento, la esprimon de sia plej alta respekto. Nun ni aliru la detalojn.

Forlasinte Parizon kun la karavano A, — ankaŭ sub lerta gvido de nia amiko Petit, ni alvenis 26 horojn poste en Vieno. Ankoraŭ la saman tagon mi konatiĝis kun la ĉefaj vidindaĵoj, nome kun la fame konataj varmaj kolbasetoj, kiujn ĝis certa grado povas konkurenci nur du urboj, Frankfurto kaj Strasburgo, kaj kun la same famaj Vienaj valsoj. La lastaj ne estas manĝeblaj.

Sabate, 8-an de aŭgusto, plensukcesis la Solena Malfermo. En ĉiuj festsalonegoj de l' Imperiestra Kastelo ĉeestis la Protektoro kaj granda publiko de eminentuloj. Kiel interesan novaĵon ni notu, ke la enlandaj eminentuloj estis dekfoje pli multenombraj ol

la kongresanoj, tiel, ke lastmomente oni devis ŝanĝi la aranĝon : oni lokigis la eminentulojn en la salonegoj kaj oni petis la Esperantan publikon okupi la seĝojn sur la estrado. — La saman vesperon ni havis ankaŭ la Interkonatiĝan Vesperon. Pro la vastega spacego de l' Imperiestra Kastelo mankis la intimeco, kiun ni ĉiam tre ŝatis dum tiuj vesperoj, kaj la Interkonatiĝo estis ebla nur per radio. Kelkaj kongresanoj, kiuj forgesis kunporti siajn aparatojn, sukcesis interkonatiĝi per telefono.

Dimanĉe, 9-an de aŭgusto : Diservaj diversaĵoj. Plej grandan sukceson havis la Izraelida Diservo, dum kiu la rabeno de Baĥaraĥ (Germanujo) tre elokvente predikis pri la konata temo : « Kial vi ne havas arianan avinon ? »

Posttagmeze okazis ekskursoj. Iom tro. Ne estis eble partopreni ĉiujn. Mi longe hezitis, ĉu aliĝi al Ekskurso D : per aŭtobusoj al Schönbrunn, kie, laŭ la oficiala programo, nin logis « la plej belaj elrigardejoj », ĉu al Ekskurso E : per aŭtobusoj al unika bordo de l' Danubo ? — Kaj demande zumzumis en mia kapo : Ĉu elrigardejoj ? Ĉu bordo Danuba ? — Tiam mi pensis, ke eble mi povus kunigi ambaŭ celojn. Efektive, kial la Danuba Bordo ne posedus belajn elrigardejojn ? Kaj nun senhezite mi ekskursis al la Danubaj bordelrigardejoj...

Kaj por ŝanĝi la temon, ni parolu pri la teatra vespero. Jen horoj neforgeseblaj, jen ĝuo, jen arto, jen plurakta plezuro kun bela scenejo kaj aŭtentikaj kulisoj. — Laŭde mi devas mencii la bonegan elparoladon de l' aktoroj, kun escepto, eble, de S-ro ... (mi ne plu povas rememori lian nomon), kiu obstine prononcis « bungdo » anstataŭ « punkto » kaj de F-ino (ankaŭ ŝian nomon mi forgesis), kiu ĉiam kaj ree diris : Mi « ŝias » anstataŭ mi « scias », kvazaŭ ŝi estus vicprezidanto de la Pariza Grupo. Sed ŝi almenaŭ, havis bonan senkulpigmotivon, ĉar ja la saman vesperon ŝi unuafoje inaŭguris sian novan dentaron.

Krom tio la teatraĵo nomiĝis « La blanka ĉevaleto ».

Mi aldonu, ke multaj francoj, kiuj tradukis tiun titolon tro laŭvorte, ne komprenis, kial en Vieno oni trovas en teatro tion, kio ĝenerale mankas ĉi tie en la hotelaj ĉambroj.

Marde estis serioza tago. Okazis (se mi fidas al la programo) *Laborkunsido* en la *Festsalonego* de Hofburg. Mi estus preferinta *Festkunsidon* en la *Laborsalonego,* sed oni afable klarigis al mi, ke tia salonego ne ekzistas. Sekve, mi ne ĉeestis.

Merkreda programpunkto : « Komitato de UEA en lernejo ». Ne necesas diri, ke la kongresanaro arde aplaŭdis. Kaj tiun merkredon la komitatanoj de UEA bone rememoros ! Oni kunvenigis ilin en lernejo. Se vi estus vidintaj ilin sur la benkoj de iliaj kolegoj, la Vienaj a-b-c-uloj (kiuj ja havas ankaŭ multon por lerni) ! — Mi tre bone komprenas la malbonhumoron de l' komitatanoj, sed tamen, tamen... ili iomete troigis. Ĉu vi scias, kiamaniere ili esprimis sian malkontenton pro tiu lerneja kaptiteco ? Kiel alilandaj lernejanoj ankaŭ ili fervore ĉizis venĝajn literojn en la pupitrokovrilojn. Malfeliĉe ili ne havis sufiĉe da tempo por plenumi ĝisfine la taskon. Plej multaj el ili sukcesis eternigi en la ligno de l' pupitroj nur kvin literojn. Strange estas, ke ĉiuj postlasis la samajn literojn. Mi supozas, ke ili serĉis anagramon de tiu fama MERKREDO, kiun ili ne baldaŭ forgesos !

Ĵaŭdon, 13-an de aŭgusto : Kiel diris mia superstiĉa kongresfianĉo, « estas vera feliĉo, ke hodiaŭ ne estas morgaŭ. Imagu, se estus Vendredo, 13-a ! » Nu li estas eble prava, mia kongresfianĉo, sed li forgesas, ke la L. K. K. zorgis pri ĉio. Kaj tamen... Mi ŝuldas al la vero, konfesi, ke la L. K. K. ne antaŭvidis ĉion. Aŭskultu.

Hodiaŭ estis la ekskurstago de l' tuttagaj ekskursoj. La kongresanoj povis elekti inter diversaj ekskursoj, kiujn mi ne detale priskribos, ĉar ja sufiĉos citi iliajn nomojn, kiuj per si mem estas tre elvokivaj *). Do

---

*) Kiel oni diras ĉe Literatura Mondo, ĉu ne, Georgo ?

estis la ekskurso K. kaj L. kaj M. kaj N. kaj O. — Kompreneble mi tuj elektis N, ĉar ankoraŭ mi memoras de miaj lernejaj jaroj, ke post la verbo *elekti* ĉiam sekvas N. Kaj tiam oni sciigis al mi, ke la ekskurso N kondukos per fervojo al la abatejo MELK. Mi neniel bedaŭras mian decidon. Sed imagu la skandalon. Ĉiuj ekskursanoj kunportis jen sitelon, jen kruĉon, jen poton, jen kaserolon, jen kaj jen... Estis bela bruego pro lada kuntinto de l' tuta vazaro. Iom scivoleme mi ĝentile informiĝis ĉe hazarda najbaro (kiu, cetere, parolis pli bone per la manoj ol per la buŝo) pri la kaŭzo de tiu ladista mobilizado. Kaj li tre afable klarigis al mi per gestoj: « Nu, ni ja iras al MELK! »

« Feliĉe », — mi intencis spriti, — « ke vi ne iras al... » sed ĝustatempe mi mordis mian babileman langon.

Sed ni revenu al nia temo. Do, kiel jam mi diris, la L.K.K. ne antaŭvidis ĉion. Estis skandalo. Efektive, en la abatejo MELK, se oni esceptas kelkajn bovinojn kaj kaprinojn, troviĝis nenio melkebla!

*(Daŭrigota... post unu jaro en aliaj gazetoj.)*

SALA FUMAL.

## LA POŜTOSAK' DE L' ŜIPANAR'

DANKON pro la belaj bildkartoj ĝuste afrankitaj, kiujn ni ricevis el Italujo. Ni bedaŭras nur, ke la afablaj sendintoj ne interkonsentis inter si antaŭe por iom varii la vidaĵojn. Pro tiu ĉi anarkio okazis, ke ni ricevis 35 fojojn el Roma la « Piazza e Basilica di S. Pietro » kaj 42 fojojn la simpatian konturon de l' Vezuvo! Sed ni tamen dankas.

Al « la Ensendinto, kiu deziras resti anonima ». — Viaj ensendaĵoj estas spritaj kaj via anonimeco neniel ĝenas nin, — sed ni preferas, almenaŭ nuntempe, ne publikigi viajn pikojn pro la alta respekto, kiun ni ŝuldas provizore al la eminentaj aluditoj.

Al S-ro F. R. en A. — Pardonu se erare kaj pirate ni provis mallongigi vian abonon. Ni tion kelkfoje faras ne senintence, sed kun metodo. — La unuaj numeroj ne plu estas haveblaj. Saluton! kaj Salem Alaikum!

Al S-ro X. B. en B.-C. — Jes, vi povas jam nun aliĝi al la 28-a. Ĝi okazos en Vieno. Se vi persistas je via intenco iri piede, vi devos ekmarŝi jam la 17-an de proksima Majo.

# Nia nova Konkurso

Se ni ne timus aspekti kiel neplibonigeblaj fanfaron-emuloj, ni permesus al ni rememorigi ĉi tie, kion jam La Pirato faris por subteni la artojn. Sufiĉu, ke ni fingromontru al la Floraj Ludoj kaj al nia Literatura Konkurso *), okaze de kiu ni eĉ senhezite promesis aŭtomobilon, se ni ĝuste rememoras, al la premiito. Feliĉe, la ĝisnunaj rezultatoj tute trankviligas nin. Laŭcifere ili estas nul.

Hodiaŭ ni sentas la nepran deziron fari ion ankaŭ por la desegnistoj, pentristoj aŭ similaj penik-specialistoj. Ĉi sube ni donas la temon, kiun niaj artistoj bonvolos ilustri, kiel eble plej fidele. Kompreneble, ni ne postulas, ke ili desegnu, pentru aŭ ŝmiru (ĉiu laŭ siaj kapabloj) la tutan ĉi suban rakonton, kiun ni ĉerpas el historia libro, ne! ni postulas nur, ke ili esprimu la situacion de Sankta Dionizo precize en la momento, kiun ni priskribas ĉi sube per dikaj literoj.



En tiu jaro regis sur la monto Montmartre malbona reĝo, kiun oni renkontis pli ofte en drinkejoj ol en preĝejoj. Ĉu estas do mirige, ke li malamis ĝismorte inter siaj samvilaĝanoj la noblan viron, Sanktan Dionizon, kaj ordonis, ke oni detranĉu al li la kapon? Kaj la kapo de Sankta Dionizo falis. Sed miru! Tiam Sankta Dionizo kliniĝis, prenis sian kapon inter siaj manoj kaj kuris for... for... al alia loko. Tiele portante sian kapon per la manoj la sanktulo alvenis apud la urbo, kiu ankoraŭ hodiaŭ havas lian nomon. Bedaŭrinde, li ne povis pli alproksimiĝi, ĉar de la urbo disigis lin kanalo. Sed remiru! Senhezite la sanktulo decidis tranaĝi la kanalon **kaj por ke liaj brakoj povu pli libere fari la necesajn naĝgestojn li prenis la kapon inter siaj dentoj kaj kuraĝe tranaĝis.....**

Kaj nun, eklaboru!

---

*) Vidu n-ron 24.

# Malklerulo legas « Odusseias » de Homeros

## II.

Sed ĉi ĉio, eĉ mia promeso pri novaj por vi plej oportunaj epitetoj ne logas vin ? Ĉu vi estas tiel malenergia, tiel malagema, ke malgraŭ mia rekomendo vi intencas ne tralegi eĉ ne enrigardi ĉi tiun antikvan majstraĵon, sed rezervi ties elspezon por io fia ? Facile estas diveni, ke vi estas iu el tiuj homoj, kiuj ĉiam forgesas pagi abonojn, kiuj grizharigas al kursgvidantoj, kiuj korrompas al grupsekretarioj, redaktoroj kaj eldonistoj, unuvorte, aĉulo. Sed mi estas treege pardonema kaj persistema, permesu, ke mi faciligu la aferon por vi ; ni iom promenadu image en Ithaka. Efektive, vi trovos la aferon neniel ordinara, neniel banala. Mi kuraĝas promesi, ke la Ithakaanoj interesos kaj amuzos vin.

Permesu, ke mi prezentu al vi unue Telemachos, prudentan Telemachos, filon de persistema Odusseus, ĉar Odusseus mem ne ĉeestas, kontraŭe, li forestis plurajn jarojn. Venkinte Troi per la fama ruzo de trompa ĉevalo, li malaperis. Notu : — Neniam permesu, ke oni enpuŝu grandan lignaĵan ĉevalon en vian domon, tio povus okazigi ĉiajn maloportunaĵojn. Sed ne supozu, ke hejme oni estis indiferentaj pri ĉi tiu malapero, tute ne ! Kontraŭe, ĉiutage dum tiuj pluraj jaroj, lia filo, lia edzino kaj ĉiuj domanoj diradis : « Kie estas Odusseus ? » kaj « Kial li ne revenas ? » kaj « Kiel domaĝe ! » Aŭ eble oni interdiris : « Nu, supozeble li nur atendas aperon de iu jarlibro aŭ enciklopedio. » Ĉiuokaze, multe bedaŭrante kaj lamentadante, oni tre pacience atendadis, esperante, ke iumomente li revenos. Tamen, kiel dudeka-jarcentulo, eble vi emos diri : « Iona kaj Egea maroj ne estas tre vastaj ; kial anstataŭ demandadi kaj lamentadi, iu ne ekpripensis surŝipiĝi kaj iom ĉirkaŭserĉi ? » Aferoj ne okazas tiel simple en la poezio, ĉu moderna, ĉu antikva. Tiukaze oni certe estus baldaŭ trovinta lin, kaj tio estus mallongiginta la poemon. Cetere la filo ne havis ŝipon. Li havis palacon kaj riĉaĵon kaj multajn servistojn, kaj ĉiu alia en Ithaka havis ŝipon, sed ŝipon li ne havis. Mi ne komprenas, mi nur konstatas. La afero tial estis tre malfacila por li, aŭ eble li jam spertis pri eldonistoj kaj presistoj kaj malmulte trankviliĝis. Sed finfine la fajrŝprucokula Diino Athene, pli agema, prunteprenis ŝipon por li, kaj laste, post plurjara atendado, li povis efektivigi sian revon kaj forvojaĝi serĉante sian patron.

Kaj lia patrino Penelope, la fama vidvino de Odusseus, estis en eĉ pli embarasa situacio. Pri ŝiaj ĉarmoj oni ne tre detale sciigas, sed certe ili famiĝis, ĉar de tiam, kiam sciiĝis, ke Odusseus malaperis kaj tre kredeble mortis, kvazaŭ sieĝadis ŝin armeeto de am-

antoj. Sed ŝi estis ruzulino; fidele atendadante la revenon de la edzo, ŝi diris al ili: « Mi edziniĝos kun iu el vi tiam, kiam mi estos fininta iun teksaĵon, kiun mi entreprenis. » Sed neniam la teksaĵo finiĝis, ĉar, ruze, ĉiunokte ŝi malteksis tion, kion ŝi teksis tage. Imagu la ekmiron, la konsternon, la malkontenton de la plurjarepacienceatendintaj « amantoj », kiam iutage subite ili ekeltrovis pri ĉi tiu ŝia ruzaĵo. Iu perfidis ŝin! Certe ŝi meritas lokon apud la teksistoj el « La Novaj Vestoj de la Reĝo » *). Kombinite de iu lerta impresario, ili farus bonegan fakkunvenon (Eniro 5 sv. fr.) por iu venonta nia kongreso, ĉu ne? Kaj eble oni povus eltrovi kaj aldoni kelkajn aliajn same efike teksadantajn gekolegojn.

## III.

Konatiĝinte kun prudenta Telemachos kaj lia fama patrino Penelope, ni promenu kaj rimarku aliajn Ithakaanojn kaj kelkajn Ithakaaĵojn. Sed unue mi rakontos al vi iom pri la ŝipo, kiun kompatema fajrŝprucokula Athene provizis por Telemachos, kaj pri liaj kunvojaĝantoj. Ŝi estis pli senĝena ol Telemachos, kaj, dezirante ŝipon, ŝi nur tuj iris al iu nomita Noemon, eminenta filo de Phronios, kaj petis de li rapidan ŝipon. Noemon estis prezidanto de la loka grupo, sed neniam lernis la lingvon, pro troa okupiteco pri sia kolbasofabrikejo. Kaj rapidan ŝipon li komplezeme *promesis,* sed Athene, sperta pri promesoj, trenis la ŝipon en la maron, kaj metis en ĝin la tutan rigilaron kaj ligis ĝin ĉe la ekstremo de la haveno, kaj jam antaŭe, *« sin similiginte al Telemachos, ŝi iris ĉien tra la urbo, kaj flanke de ĉiu aparte stariĝante, ŝi ilin alparolis kaj instigis kolektiĝi en la vespero ĉe la rapida ŝipo ».* Tia ŝi estis! Iu ŝia ido nun estas Hon. Sek. de la Ithakaa Verdstela Grupo, « Ĉiam kontraŭen », kaj ŝi zorge elektis la virojn, ŝi ne alparolis stultulojn, tiajn, kiaj forgesas siajn pipojn, cigaredujojn kaj fontplumojn — ne — kiam ĉio pretiĝis (laŭ ŝia ordono Telemachos intertempe prizorgis la manĝaĵojn, k. c.) ŝi povis fiere diri al li: « Telemachos, viaj kunuloj kun bonaj tibiŝirmiloj sidas ĉe la remiloj. » Kiam vi estas marvojaĝonta, neniaokaze forgesu viajn tibiŝirmilojn!

Kaj pri Telemachos kaj la manĝaĵoj? Li alportis vinon, hordeofarunon kaj medolon. Pri la komentoj de la kunvojaĝantoj la poeto silentas; eble oni donis al li medolan medalon.

La Ithakaanoj estis fieraj pri siaj ŝipoj, kiuj estis kavaj, dum supozeble la najbaroj, marvojaĝante ankoraŭ uzis ŝtipojn aŭ flosojn*; kaj ili estis bonproporciaj kaj bonferdekaj. Kia estas bona ferdeko? Nu, certe ferdeko, kiu ne oscilas nek tangas. Multe vojaĝinte, neniam mi renkontiĝis kun tia ferdeko, do jen plia perdita arto.

*(Finota.)* V. V.

*) Fundamenta Krestomatio, p. 19.

*ALTA LITERATURO*

# Stranga Bonveno

Foje oni min invitis en urbeto de Britlando
Fari mildan paroladon por la paca propagando.

Sed ĉar angle mi parolas kiel hundo ĵus kastrita,
Dubis mi, ĉu vere helpos por la temo difinita.

« Ĉar verdire ne tre taŭgus nur silenta parolanto,
Ni konsilas, » — oni diris — « provu do per Esperanto ! »

Kompreneble mi ĝojegis kaj akceptis flatan rolon
Esti « speaker » de l' kunveno kaj ricevi la parolon,

Ĉar se foje, laŭkutime, stultegaĵ' sur langon venos,
Mi ĝin diros Esperante ; la publiko ne komprenos.



Ĉar mi estis fremda gasto, tuj kun penso delikata
Oni presis mian nomon sur afiŝo grandformata.

El afiŝoj unu estis ĉe tre grava stratangulo,
Preskaŭ tere, tre videbla, alkroĉita sur tabulo ;

Ĉiu haltis preterpase, — servistino kaj soldato,
Grafo, bubo, pastro, dando, kaj pleniĝis tuj la strato.

Bona estis la aranĝo kaj cetere mi fieris
Pro l' honoro grandioza, kaj aplaŭdojn mi esperis.

Bedaŭrinde en la urbo, inter hundoj la vagantaj
Estas kelkaj tre malicaj, Esperanton komprenantaj...

Ili legis, tuj komprenis : « Malgraŭ la solena tono
Ja nur temas pri kutima ŝveligita gas-balono ! »

Kaj, flarinte la tabulon, kun moveto delikata,
Zorge duŝis mian nomon sur l' afiŝo grandformata...



Ĉu la strata bonven-gesto — (nekutima, mi ĝin spertis), —
Estas landa salutaĵo, aŭ ĉu ili nur avertis

Pri vanteco de la famo ?, mi momente ne divenis,
Nek, post longa pripensado, tian faron mi komprenis ;

Kaj por koni la signifon de l' afero ĝis la fino,
Tute stulte kaj naive ĝin rakontis al fraŭlino.



Mi proponis jenan verkon por mondlingva broŝuraĵo :
Honte angloj min kulpigis pri maldec-arogantaĵo.

Ĉar ĝin presi mi ne povis en la lando moraleja,
Mi rezigne ĝin manskribis sur papero neceseja.

MEVO.

# La nova epidemio

Ĉu ĝi estas uzinda, rekomendinda, utila, nepre necesa ? Ĉu etimologie ĝi estas pravigebla ? Ĉu ĝi havas referencojn ? Egale, ĝi ekzistas. Jam de kelkaj jaroj la sufikso « end » eniris nian lingvon, pli ŝtele ol triumfe, sed ĉu tio gravas ? Fakto estas, ke ĝi civitaniĝis en nia lingvo. ONI konas ĝin, ONI uzas ĝin. Jen la sobra fakto.

Ni ne kredas, ke iu aŭtoritato povas per dekretoj iel influi la liberan, naturan evoluon de nia lingvo. La sola supera instanco en lingvaj demandoj estas la vivanta praktiko. Nia Akademio, nia Lingva Komitato povas nur konstati. Ili povas nur enregistrigi. — Se ili volus oficiale rekomendi aŭ malrekomendi, pape aprobi aŭ malaprobi, ili riskus perdi alian pecon de sia aŭtoritateco, kiel ja ni spertis post la malfeliĉa ujo-io-batalo, ĉar malgraŭ ĉiaj Akademiaj deklaroj, « io » venke postvivas. Oni povas kalkuli per la fingroj de unu mano la gazetojn Esperantajn, kiuj neniam uzas la landnoman malortodoksan sufikson « io ». — Similan moralan postaĵ-frapon ricevus nia honorinda Akademio, se ĝi volus malpermesi la uzon de la sufikso « end ».

Lastatempe oni multe tro paroladas pri « end ». Nia bona amiko, D-ro Corret, mobilizis multajn kolonojn de « Franca Esperantisto » por kontraŭbatali tre subtile la novan (?) sufikson. La samajn artikolojn li donis poste ankaŭ al « Nia Gazeto » (*Bis repetita placent ?*) kaj nenio pruvas, ke ili ne aperos triafoje en la « Zamenhofa Esperanto ». Kaj tamen, malgraŭ lertega argumentado, la eminenta aŭtoro ne sukcesis alporti la ĉefan pruvon, nome, ke « end » *ne* ekzistas.

Male, « end » ekzistas hodiaŭ multe pli ol antaŭe. Kaj « Nia Gazeto », kiu malavare pruntedonis siajn kolonojn por la eksterma batalo, mem grave infektiĝis de la end-mikrobo. Ĝi estas obsedita. Komprenu :

La franclingva gazeto « L'Eclaireur de Nice et du Sud-Est », kiu patrine patronas « Nian Gazeton », grandanime donacas al sia Esperanta filino malnovajn desegno-kliŝojn. Sed, se ĝi donas la kliŝojn, ĝi bedaŭrinde ne donas la tekstojn de la bildoj kaj lasas al « Nia Gazeto » la taskon utiligi la restaĵojn, kio, laŭ aserto de ĉiuj kuir-libroj, estas ankaŭ vera arto. Kaj kio rezultis ?

Jen la subbildaj tekstoj el la kvar lastaj numeroj :

Aprilo (tiuepoke tamen ne estis tre varme !) : « Trinkenda ? — Trinkinda ? — Trinkota ? — Trinkebla ? »

Majo : « Vi devas lerni la nepre lernendajn oficialigotajn radikojn ! »

Junio : « Kial vi tiel malgaje mienas ? »
« Tial, ke eĉ sur ĉi tiu monto mi ankoraŭ aŭdas pri " end " ! »

Julio : « Zorgu atente, ke neniu parolu al li pri " end " : li jam estas sufiĉe freneza ! »

Estas vera epidemio... ĉar subite, nun ankaŭ ni infektiĝis... kaj, ĉu vi scias,

## KIEL NOMIĜAS LA NOVA EPIDEMIO ?



*La cerbumanta redaktoro :* « Sinjoro doktoro, mi havas kapdolorojn ; mia ĝis nun riĉega fantazio kripliĝis, mia potenca imagpovo lamiĝis ; mi estas obsedata de tiu malbeninda " end ". »

*La kuracisto :* « Kompatinda homo ! — Tio ja estas tipa ekzemplo de end-em-io ! »



Kaj alia :

« Kelkfoje la famo de " verkisto " estas pli legenda ol ... liaj verkaĵoj ! » (El Kama Sutra.)



Kaj ankoraŭ unu :

## PARFUMOJ




— Ĉu vi scias, Mitula, ke via lavujo naŭze malbonodoras ?
— Tio estas neverŝajna ; mi ja enmetis nur ... lavendaĵojn !

... kaj tiel plu. Sed tio sufiĉas por hodiaŭ, ĉu ne ?

Ale Ben Tarip (baldaŭ trijara !)




FRANCA ESPERANTISTO (Majo). — El la plumo de nia bona amiko Archdeacon : « Oni scias en la tuta mondo, ke Usono estas la Paradizo de la virinoj ; ĝi estas verŝajne la sola lando, kie la virinoj estas pli favoritaj ol la *homoj.* »

*Nia amiko Archdeacon, siaflanke, ŝajne ne tre favoras la virinojn, ĉar por li virinoj ŝajne ne estas homoj!*

OOMOTO INTERNACIA (Majo). — « ...la japanaro ne estas imagebla sen la familio de Mikado. ... Soldato batalas do por *Mokado.* »

*En aliaj landoj soldatoj batalas por gloro. Sed ĉie la rezultato estas la sama.*

HEROLDO (16 junio). — « La celo de l' mono ? Ĉu la uzo de l' mono — aĉeto kaj vendo de *varoj* — ne pruvas, ke tiu celo konsistas en la plifaciligo de l' var-interŝanĝo. »

*Kaj ni naive kredis, ke la vero ne estas aĉetebla!*

SAMLOKE (23 junio). — « Ĝuplene mi vagas kun fingro en la atlaso... »

*Certe pli dece ol vagi kun sia fingro en la nazo. Sed ĉu temas ĉi tie pri la « dolĉemola, brila kaj glata speco de silkaĵo » aŭ pri « kolekto de geografiaj kartoj » ?*

LA KOMERCO (Junio). — « Skribmaŝinoj funkciantaj preskaŭ sen bruo. Ekzistas du specoj ... la alia enmuntis la maŝinon en meblon, kies interno estas felttegita ; kovrilo kun vitra fenestro fermas la tuton, la leviloj estas manipulataj de ekstere. »

*Kaj tio estas vera feliĉo, — ĉar alimaniere necesus enmunti ankaŭ la ĉarman maŝinskribistinon en la meblon!*

NIA GAZETO (Junio). — « Maljunaj kamparaninoj rigardadis Marieton, el sub la ansoj de siaj korbegoj aŭ el sur siaj pakegoj kuŝantaj sur iliaj genuoj, kiuj entenis la aĉetaĵojn faritajn en Valencia. »

*Kiam oni havas tiel praktikajn genuojn, kiuj povas enteni la aĉetaĵojn, oni ja ne bezonas korbojn!*

FLANDRA ESPERANTISTO (Julio). — El raporto pri la 6-a Flandra Kongreso : « Ni ne volas lacigi la gelegantojn per la redono de la paroladoj de S-roj v. d. Dooren kaj Calloens, eĉ ne fragmente, cetere por tio mankas loko. »

*Kaj nun S-roj v. d. Dooren kaj Calloens scias, kion oni pensas pri iliaj belaj paroladoj!*

SAMLOKE. — El raporto de la Flandrema Grupo Esperantista, Antwerpen : « La, por la kongreso, starigita ŝparkaso donis bonan rezulton. Ĝi ebligis al ni iri al Brussel kvardekope. Neniam ni forgesos la agrablajn kongrestagojn, kaj poste, ni ankoraŭ ofte murmuros : Estingu la kandelon, Marie! »

*Ĉu ni rajtas el tiu ĉi raporto konkludi, ke ankoraŭ ne ekzistas elektra lumo en Bruselaj hoteloj?*

FRANCA ESPERANTISTO (Julio). — El recenzo pri « Sur Sanga Tero » : « ...Tamen pluraj partoj tre plaĉis al mi : unue la humoraj figuroj, pri kies skizado J. Baghy jam pruvis (en « Hura! » kaj « Mr. Tot ») vere atentindan talenton... »

*La talento de J. Baghy estas tiom pli atentinda, ke « Mr. Tot » estas tre bona verko de... Jean Forge!*



Difino el la Plena Vortaro : « PROVI (tr.) 1. Apliki objekton al ĝia destino, por kontroli, ĉu ĝi taŭgas : apliki instrumenton, maŝinon, ponton, ĉapelon, medikamenton sur malsanulo. »

*Apliki sur malsanulo instrumenton, ni komprenas ; ankaŭ maŝinon, eventuale ĉapelon kaj eĉ medikamenton oni povas apliki sur malsanulo, sed kial ponton? Kredeble temas pri la ponto al transtera vivo...*

**Kaj kion vi dirus,**
**se la septembra numero de LA PIRATO**
**aperus dum... Septembro ?**

# Bela ŝipo de la kongres'... *)

Die naskiĝas l' aŭroro
Ĉe la horizont'.
Suno majeste en gloro
Leviĝas el ond';
Hisu la verdan Stelflagon
Nun super la mar',
Ĝoje salutu la tagon
La kongresanar'
    Kun fanfar':

Bela ŝipo de la kongres',
Ŝipo de beata forges',
Portu nin for de l' monda kriz'
Al la feliĉo, al paradiz'!
Spiru ĝojon ni de l' liber'
De l' mateno ĝis la vesper',
Kaj fine, post bonnokt-salut',
Dormu bone en ŝipkajut'!

Dum bela nokto serena
Ridetos plenlun'
Kaj la stomako tro plena
Al Dio Neptun'
Donos tribute l' oferon
Trans la balustrad'...
Tiam travibros l' aeron
Kun dolĉa kompat'
    Serenad':

Bela ŝipo de la kongres'...
    (k. t. p. kiel supre.)

---

*) Laŭ la muziko de « Parlami d'amore Mariù » (Le Chaland qui passe), kies notojn ni volonte liveros kontraŭ du poŝtaj respond-kuponoj.

---

**Popolo, kiu ne kuraĝas moki pri si mem,
ne estas matura!**

**LA PIRATO neniam havis alian celon ol pruvi,
ke la Esperantistoj estas popolo matura.**

# La Ora Mezvojo

## (Preskaŭ dialogo, aŭ io simila)

---

ROLANTOJ : *Sinjoro Pesi Mismo,* — li havas aĝon pesimisman. Portas nigrajn okulvitrojn kaj pluvombrelon. Havas nigrajn ungojn, — ankaŭ la vestaĵoj estas preskaŭ funebraspektaj.

*Fraŭlino Opti Mismo,* — ĉarma persono. Suno, temperamento. Ŝprucanta vivfonto, venkanta entuziasmo. Vestaĵoj gajkoloraj.

*Delegito de U. E. A.* — proksimume kiel ĉiuj delegitoj de U. E. A. Nek pli, nek malpli.

*La scenejo reprezentas... scenejon. El la maldekstra flanko sin trenas malrapide S-ro Pesi Mismo. Li havas pluvombrelon sub la brako kaj puŝas malnovmodan infan-veturileton. La veturileton li lasas en la fono de la scenejo. Li malfermas sian pluvombrelon kaj eklegas la bonan gazeton « Heroldo de Esperanto »...*

*El la maldekstra flanko, salte-trote-galope aldancas fraŭlino Opti Mismo. Ankaŭ ŝi kun la nazo en « Heroldo »...*

*Fatalece, Pesi kaj Opti karambole kontaktiĝas en la mezo de la scenejo...*

### I.

PESI (*aparte*) : Kia abomena persono !

OPTI (*aparte*) : Kia afabla sinjoro ! — kaj li aspektas inteligenta !

PESI (*senkulpige*) : Pardonu, fraŭlino, sed kiam akcidento devas okazi, nu... tiam ĝi okazas !

OPTI (*ridetante*) : Ne parolu pri akcidento. — Mi estas ravita pri tiu originala renkontiĝo. Kiel mi vidas, ja ankaŭ vi estas fervora leganto de « Heroldo ». Ni estas membroj de la sama familio, ĉu ne ?

PESI : Pri tiu familio mi ne estas tre fiera. Permesu, mia nomo estas Pesi... Pesi Mismo.

OPTI : Mia nomo estas Opti... Opti Mismo. — Sed kial vi malfermis vian pluvombrelon? Ja estas serena vetero!

PESI : Serena vetero? — Jes, ŝajne, sed ni ne fidu al la ŝajno. Certe baldaŭ pluvos!

OPTI : Ni ne diskutu pri la vetero; ni parolu pri « Heroldo ». Kia interesega gazeto! Brilega stilo, enhavo delikata, — sprito, bongusto, eleganteco, — kaj...

PESI : Fraŭlino, mi solene avertas vin : Tiu ĉi gazeto estas tombejo. — Fraŭlino, ni ploru!

OPTI : Vi timigas min; kio do okazis?

PESI : Bonvolu mem konstati la funebran aspekton de tiu ĉi folio. Ĝia enhavo konsistas el banalaĵoj, ĝia sprito el preseraroj, ĝiaj aktualaĵoj datumas de pradiluva epoko. Fraŭlino, ni ploru!

OPTI : Sed permesu, — ankaŭ ĝojigajn sciigojn ĝi alportas. Ĉu vi ne legis la lastan numeron?

PESI : Lastan numeron? — Sed ĝi ne estas la lasta, — bedaŭrinde! Post tiu ĉi numero aperos alia, neniam estos la lasta...

OPTI : Nu, tiom pli bone! Ĉu tio ne pruvas, ke Teo Jung havas persiston?

PESI : Tio pruvas, ke li havas... presiston!

OPTI : Bone, sinjoro Pesi, jam vi komencas ŝerci!

PESI : Tute senintence, fraŭlino, — mi ne ridas, mi ploras... Ni ploru!

OPTI : Male, ni ĝoju, ni ĝoju! Ĉu vi ne legis tiun ĉi sensacian novaĵon? Aŭskultu : (*ŝi legas*) « Oni skribas al ni el la vilaĝo Napsalat : Okazis granda propaganda kunveno en la restoracio " Varma Kolbaso ". Nia samideano Prof. D-ro Inĝ. Kiumi paroladis senhalte dum kvar horoj antaŭ multnombra publiko. Ĉeestis proksim-

ume 34 personoj apartenantaj al ĉiuj rangoj kaj seksoj. Ili tre atente sekvis la tre interesan paroladon; kelkaj el ili eĉ restis ĝis la fino. Oni longe aplaŭdis la oratoron kaj oni intencas fondi grupon post kelkaj jaroj. » — Nu, sinjoro Pesi-Mismo, ĉu tio ne pruvas, ke nia movado moviĝas ?

PESI : Iluzio, memtrompo, revo, sapovezikoj ! — Tio pruvas nur, ke niaj samideanoj dormas. — Ekzemple, vi mem, fraŭlino Opti, kion vi faras praktike por nia movado ?

OPTI (*fiere*) : Mi ? — Ha mi ne dormas ! Mi estas membro de UEA, — membro de Filatelia Klubo, — membro de la Esperanta kontraŭspinaca Ligo, — membro de la Esperanta Societo por Uzado de kravatpingloj kaj de Puraj Kolumoj, — kelkfoje mi eĉ pagis la kotizaĵojn... plue mi abonas 25 gazetojn kaj mi korespondas kun 13 diversaj landoj... Jen !

PESI : Haltu, fraŭlino ! — Tio estas nur teorio, sed mi demandis, kion vi faras *praktike* ?

OPTI : Praktike ? — Nu, praktike, mi estas certa, ke ni venkos ! Ni venkos dank' al nova metodo : La aŭtosugestia metodo ! Jen kion mi faras !

PESI : ?????

OPTI (*Dum ŝi parolas kun kreskanta entuziasmo, S-ro Pesi estas kvazaŭmalgraŭvole kuntirata. Unue li fermas sian pluvombrelon, poste ankaŭ li ŝnuron prenas el la poŝo kaj faras, kun ŝi, laŭ aŭtosugestia metodo nodon post nodo, — ankaŭ li varmiĝas kaj entuziasmiĝas. Kiam ŝi estos fininta, li estos pli konvinkita ol ŝi...*) : Ĉiumatene mi prenas mian ŝnuron (*ŝi prenas ŝnuron*). Per tiu ŝnuro mi faras nodojn, unu post la alia, kaj ĉiufoje, farante nodon, mi diras ENERGIE, koncentr-

igante mian volon kaj miajn pensojn : (*ĉe l' unua nodo*) Esperanto progresas... (*ĉe l' dua*) ĝi disvastiĝas... (*ĉe l'tria, ktp.*) ĝi suksesas... ĝi marŝas... ĝi kuras... ĝi atingas la celon... ĝi venkas... ĝi triumfas... kajtielpluas... — Kiam tiamaniere mi faris miajn dudek nodojn, mi malfaras ilin dirante kun sama energio, kun forto de interna konvinko : En nia grupo ni estas dek... ni estas du-dek... tri-dek... ni estas cent... du cent... tri cent... ni estas mil...

PESI (*emfaze*) : ...ni estas dek mil, cent mil...

OPTI : ...unu miliono...

PESI : ...du milionoj...

OPTI : ...dek milionoj...

(*Kaj ambaŭ ĵus silentiĝis, ĉar aperis la delegito de UEA.*)

## II.

(*La delegito estas facile rekonebla, ĉar sur lia ĉapo oni povas legi la vortojn : Delegito de UEA.*)

LA DELEGITO : Kiom ? kiom ?... dek milionoj ? Hura ! hura ! hura !

PESI : Jes, minimume dek milionoj, — sed, permesu, kiu vi estas ?

LA DELEGITO : Mi estas la bremsisto. — Mi bremsas la entuziasmon kaj modeste revokas al kontakto kun la realeco. Gesinjoroj, mi estas delegito de UEA kaj... enkasigas la kotizaĵojn.

(*Fraŭlino Opti malaperis kurante...*)

LA DELEGITO : Nu, nu ? Kion havas la ĉarma infanino ?

PESI (*kvazaŭ por senkulpigi ŝin*) : Ankoraŭ ŝi estas tre juna, — dum tiu ĉi aĝo oni multe kuras...

LA DELEGITO (*kiu, tamen, ne estas kiel ĉiuj delegitoj!*): Jes, mi komprenis; estas la kur-aĝo!

(*Kaj ankaŭ li malespere malaperas...*)

III.

OPTI (*kiu revenis tre singarde*): Ĉu la bremsilo foriris?

PESI (*kiu remalfermas sian pluvombrelon*): Fraŭlino, ni ploru!

OPTI: Kial? Ĉu do mi ne konvertis vin al mia optimismo?

PESI: Jes, dum unu mallonga momento, jes... mi partoprenis vian entuziasmon... mi naĝis kun vi... ni estis mil... dek mil... cent mil... dek milionoj... sed, kiam aperis la kasisto, ni restis du: Mi kaj la kasisto...

OPTI: Ve, trifoje ve!

PESI: Kaj mi komprenis. Nia kara lingvo estas nur relikvaĵo, afero jam mortinta. Ĝia tuta vivo koncentriĝas nun ĉi tie, en mia veturileto!

OPTI: Kaj kio estas en tiu ĉi via infanveturileto?

PESI: En tiu ĉi veturileto estas la Esperanta Muzeo! (*Dum li pluparolas ankaŭ fraŭlino Opti eltiras sian poŝtukon kaj ploras kun li.*) Pri nia sankta afero postrestas nur kelkaj rememoraĵoj, kiujn mi piece kolektis kaj konservas. (*Eltirinte el la veturileto dikan ŝlosilon*) Jen la ŝlosilo, per kiu oni malfermis kaj fermis ĉiujn kongresojn. Kiel vi povas konstati, ĝi estas iom pli granda ol la Ĉefeĉa *). — Kaj en tiu ĉi skatolo, rigardu ĝin bone, troviĝas la Interna Ideo. La nuna generacio neniam

---

*) Se la afabla leganto ne komprenas, li bonvolu rigardi en la Enciklopedio sub « Ŝlosilo ».

malfermis la skatolon. Tial la Ideo restis interne... de la skatolo.

OPTI : Ho, Sinjoro, ni ploru !

PESI : Ankoraŭ mi ne finis. (*Li prezentas malgrandegan paperpeceton*) Jen la ĉefa peco de mia muzeo : La honora listo de l' Esperantistaro. Sur tiu ĉi folio estas skribitaj la nomoj de ĉiuj samideanoj, kiuj regule pagis siajn kotizaĵojn. Entute estas kvin nomoj, bedaŭrinde ne plu legeblaj... (*Nun li eltiras el sia veturileto pakaĵon de cent mil folioj, — cent mil, aŭ proksimume, — kiujn, parolante, li dissemas sur la plankon...*) Kaj ĉi tie estas la diversaj projektoj pri definitiva organizado. Ili neniam havis alian valoron ol pure historian. Helsinki... Kolonjo... Stockholm... allogaj prospektoj, promesaj projektoj... definitiva decido... Ho, fraŭlino Opti, ni ploru !

OPTI : Ha, sinjoro Pesi ! Iluzio, memtrompo, revo, sapovezikoj, kaj kion vi faras *praktike* ?

PESI : Praktike ? — Praktike... mi ploras...

OPTI (*amfriponete*) : Sinjoro Pesi !

PESI (*konsente*) : Fraŭlino Opti !

OPTI : Ĉu vi scias, kion ĵus mi pripensis ? — Se mi aldonus mian TRO al via MALTRO, nu eble, ni fariĝus normala paro !

PESI : Normala paro ? Ĉu io simila ekzistas ? — Fraŭlino Opti, vi estas tiel ĉarma, ke mi bonvolas provi...

OPTI : Tuj ni provu ! — Kaj kunprenu la veturileton, ĉar baldaŭ troviĝos tie, anstataŭ mortinta muzeo, vivanta bubeto : normala Esperantisto !

PESI (*al la publiko, — kondiĉe, ke ankoraŭ restas publiko en la salono !*) : Normala Esperantisto ? Normala Esperantisto ? Sed tio estos unika peco por mia muzeo !

KRI-BRU.

## ANKAŬ ŜPARMETODO




— Kotferdek'! Kiamaniere vi sukcesis ŝpari tiom da mono?
— Estas simple: Mi ne partoprenis la kongreson...
— Nek mi, kaj tamen...
— ... krom tio mi prunteprenis tiun sumon de nia pastro.
— Nun mi komprenas, — sed vi devos redoni ĝin, do ĝi ne estas via!
— Pardonu, mi ne prunteprenis ĝisrevide, sed adiaŭe.

# La Informservo fiaskis!

Kvar el niaj plej inteligentaj ĉef-, ŝub- aŭ kunredaktoroj vizitis la XXVII-an en Italujo; ĉiu el ili aparte kaj ĉiuj kune havis nur unu taskon, nome, sciigi al nia redakcio kiel eble plej rapide la nomon de la Prezidanto de la Loka Kongresa Komitato. Kaj jen, alvenis neniu novaĵo. Malgraŭ niaj insistaj, ripetitaj petoj, admonoj kaj minacoj, niaj kunlaborantoj restis karpe mutaj. Ĝis hodiaŭ ni ne scias, kiu prezidis la L. K. K. Sed ĵus alvenis solena letero de niaj kvar senditoj, per kiu ili deklaras, ke estas tute neeble solvi la enigmon.

Ni tre humile petas pardonon de nia elita legantaro, se ĉi tiun fojon ni ne povas kontentigi ĝian tute rajtigitan scivolemon kaj niaflanke, ankoraŭ stertorante pro sankta indigno, ni kulpigas la informservon de la L. K. K. kiu — almenaŭ tiurilate — skandale fiaskis. Ni tre energie protestas en la nomo de ĉiuj nordsudaj popoloj kaj arde deziras, ke io simila neniam plu okazu. — Ni modeste permesas al ni montri al niaj italaj amikoj la modelan inform-organizon de la Viena L. K. K. Ĉi tie almenaŭ, la enigmo estas jam de longe brile solvita.

A. B. C. Awful.

---

## Novaĵoj pri AELA (Atendu, Eble Libro Alvenos!)

Ĵus (aŭ pli precize antaŭ proksimume 29 tagoj) aperis fine la dua parto de la giganta Enciklopedio, kiun senspire la tuta Esperantistaro atendis dum du jaroj. Kiam oni memoras, ke laŭprograme tiu Enciklopedio devis aperi jam dum la jaro 1933, oni komprenas, kial kelkaj samideanoj kompleze nomas ĝin:

PaciEnciklopedio!

*PORTRETO*

# LA RIMISTO

La rimisto rimas — aŭ pli trafe: « pilgrimas » — tra la Kompleta Rimaro kun kortuŝa fido, renkonte al la miraklo, tio estas... presota versaĵo! Iom da blanka papero, da inko kaj plumo sufiĉas por entrepreni la vojaĝon. Personajn ideojn la pilgrimisto demetas kiel balaston. Ili devigus lin sekvi difinitan vojon al difinita celo. Cetere, ideoj duoble ĉarmaj, ĉar neatenditaj, surprizos lin dumire ĉe ĉiu paŝo. Ilin naskos abunde hazarda asocio de du rimoj. Tiel li ĝuos la puran ĝojon de nekonata pejzaĝo. Ĉe ĉiu vojturniĝo li malkovros ravajn bildojn; de ĉiu altaĵo sin etendos sorĉaj panoramoj. La ekscitita migranto jam tra...nigris multajn paĝojn kaj li ne plu povas halti. Novaj rimoj logas. Se lia spirado senfortiĝas, li daŭrigas sian vojaĝon sur knara ritmo de luveturilo kaj nur kiam ĝia lama ĉevalo, — kiu ne nomiĝas Pegazo! — pro laceco falos, nur tiam la entuziasma poeto konsentos meti la finan punkton. Kaj fiere li titolos la tuton: « La Elizeaj Kampoj » aŭ « Cigna Flugo de Poeta Animo » aŭ... aŭ... li hezitas....

Nu, kara rimisto, ne hezitu, super la tuton skribu: « Dezerto ».

LE-BU.

---

## Nova novaĵo pri AELA

La konata eldonejo sciigas, ke la longe kaj pacience atendata « Plena Gramatiko de Esperanto », verkita de K. Kalocsay kaj G. Waringhien, kiu daŭre aperadas jam de kelkaj monatoj, estos baldaŭ definitive prespreta. Ĝi estos tre grandformata kaj havos ne malpli ol minimume 400 (kvar cent) densege presitajn paĝojn.

Jes, 400 paĝoj!

Ĉu gramatiko? — Ne, sed vera... Kilogramatiko!

# SAĜECO

Ĝenerale la Esperantistoj estas tre saĝaj. En nia bonega « Heroldo » ni legis ĉi tiun

## Alvokon al la ĉefdelegitoj de UEA en ĉiuj landoj

Por pruvi, ke Esperanto utilas, Norvega Esperantista Ligo deziras vian helpon. Jen : En la **oficialaj geografiaj lernolibroj** de ĉiu lando troviĝas parto pri Norveglando. **Tiun parton ni deziras ricevi, en Esperanta traduko.** Ni kontrolos la tekston, korektos ĝin (certe troviĝas eraroj) kaj resendos ĝin al la sendinto (la landa delegito de UEA).

Pri la artikoloj ricevitaj ni interrilatos kun la norvegaj taggazetoj, la instruaj institucioj ktp. Entute ni eluzos ĉiujn eblecojn por propagandi pere de la ricevitaj tekstoj.

Por ke ni sukcesu necesas alsendo de tekstoj el multaj landoj. Bonvolu tre precize traduki, la Esperantaj tekstoj devas nepre konformi al la originala teksto.

La tradukaĵon bonvolu sendi al : F-ino Liv Sandberg, poŝtkesto 197, **Bekkelaget** ĉe Oslo, Norveglando.

Tio refoje estas saĝa esprimo de singarda saĝeco. Kvankam ni tute subtenas la bonan ideon de niaj norvegaj amikoj kaj entuziasme akcelos ĉi tiun iniciaton, kiu estas ne nur norvega sed ankaŭ novega, ni tamen pensas, ke geografiaj lernolibroj ne povas enteni tro kruelajn erarojn. Neniu el ili, ni vetas, ekzemple pretendas, ke oni devas serĉi Norvegujon sude de Bulĉistano. Sed se ni parolus pri historiaj lernolibroj ! Relegu la supran alvokon, anstataŭ *oficialaj geografiaj lernolibroj*, legu *historiaj lernolibroj*, anstataŭ Norveglando metu ĉiu sian nacilandon... Sankta Pluvombrelo ! kiel vigliĝos Esperantujo, kiam ĉiu el ni volos defendi la nacian gloron kontraŭ kalumnioj, mensogoj kaj falsaĵoj de aliaj glorakaparantoj ! Efektive, niaj norvegaj amikoj estas saĝuloj. Estas pli bone paroli nur pri latitudoj kaj longitudoj ol pri la diferencoj en la taksado pri la altaj meritoj de heroaj taktikistoj !

JULES LARIBOIS. *)

---

*) Nia bona amiko Jules Laribois de kelka tempo ripozas en kampara nesto. Se ni rajtas juĝi laŭ lia ĉi supra artikolo, ni konkludas, ke li certe ne rompis al si unu femuroston verkante sian artikolon. Fartu tamen bone, kaj, se eble, iom vigliĝu, kara Jules !

## *LA FERDEKO DE L' PASAĜEROJ*

### Intimaĵoj pri la Londona Klubo

Oni diras, ke la Parizaj revoluciemuloj *) bazis siajn plendojn kaj rekomendojn sur komparo inter la Pariza Grupo kaj la vigla Londona Klubo. Se tio estas vera, mi dankas en la nomo de la Londona Klubo pro la komplimento. Tamen, ĉio ne estas tute perfekta, eĉ en la L. K. **).

Ekzemple, estas unu ludo, kiu okazigas foje seniluziiĝojn, precipe al sinjorinoj. Estas la Intima Babilado. Por tiu ĉi ludo, diskoj surhavantaj numerojn estas disdonitaj al la virinoj, kiuj ĉiuj alkroĉas unu sur sian korsaĵon. Egala nombro da diskoj estas metitaj en skatolon, el kiu ĉiu viro prenas po unu, serĉas la virinon portantan la saman numeron kaj iras por paroli al ŝi dum kvin minutoj. Bonega maniero por interkonatigi timemajn geklubanojn kaj paroligi Esperanton. Jes, sed se mankas viroj, kelkaj kompatindaj viktiminoj devas sin oferi por paroli dum tuta vespero al samseksanoj. Temon oni ne trudas al la gebabilantoj, sed la Prezidanto foje faras proponojn tiajn : « La efekto de forigo de duetaĝaj tramveturiloj sur la vidpovon de tramkondukistoj. — Se ĉiu kilogramo da koto en Southend fariĝus oro, ĉu la UEA Jarlibro aperus antaŭ la fino de la jaro ? — Ĉiu sinjorino imagu, ke ŝi provas persvadi la edzon ne plu fumi kaj trinki alkoholaĵojn ***) (kvazaŭ iu virino estus tiom malprudenta). » Okazas foje, ke virino trovas sin babilonta kun nebela sinjoro sed, estante bona Esperantistino, ŝi diras al si : « Nu, estas nur por 5 minutoj », kaj provas esti afabla al li por tiu mallonga tempo. Ho ve ! La maliculo trompas ŝin kaj, nur ŝajnigante ŝanĝi la numeron, reprenas el la skatolo la saman !

Ankaŭ la klubejo kaŭzas foje iom da ĝeno. Kelkaj samideanoj malaprobas la reĝajn fotojn pendantajn ĉe la muro kaj oni devas klarigi, ke la Klubo neniel respondecas pro la patriotismo de la *Veterans Club,* de kiu ni nur luprenas la halon dufoje ĉiun semajnon. Ni ankaŭ suspektas, ke la Ĉef-veterano ne ŝatas Esperantistojn, kaj ni eĉ suspektas, ke tiu malŝato rezultas de la malmulta mono, kiun la Esperantistoj elspezas en la trinkejo. Tiu klarvida sinjoro ricevis lastatempe du surprizojn de klubanoj ; unue, kiam S-ro Midas petis de li unu ŝilingon por la Amikoj de Esperanto. Komence li mutiĝis, sed kiam li fine sukcesis paroli, li diris : « Nu, mi donos al vi unu ŝilingon pro via aplombo. » La saman vesperon, nia

---

*) Vidu n-rojn 4 kaj 6 nunjarajn de « La Pirato » (La Red.)

**) Sub ĉi tiu « L. K. » neniel sin kaŝas la Lingva Komitato, sed la « Londona Klubo » ! (N. d. l. Red.)

***) En Anglujo ili estas ŝajne pli malvirtaj ol ni, ĉar ni neniam provis fumi alkoholaĵojn ! (La Pirato.)

Sekretario eniris la trinkejon, alproksimiĝis al la servisto, sed vidante la Ĉef-veteranon aliris lin por priparoli kluban aferon. La sinjoro afable ridetis kaj diris : « Bonvolu unue fari vian mendon. » Kaj la Sekretario mendis... alumetojn !

ANGLINO.

---

PRETER LA RUBO, FOR KAJ FOR,  ĈE LA FEUJO DA FEA OR'.

SEN GLAVO, SEN SANGO
PER AMO, PER SAĜO

Poŝtadreso :
2 Cambridge St,
WILLOUGHBY. N.S.W.
Aŭstralio.

Ĉe « K » : 10-an en Aĥ'o, 3-a
10.VI. 35

Al Redakcio : LA PIRATO.

KAPITANO !

Kiel lojala kvankam senglava pirato, mi fariĝis ĝissidkarn-tuŝata pro la nuna agonio ĉe la superlative ekspluatita esperanto-proletaro ; kies doloraĉa mensstato, laŭaspekte, sole nur dependas de la malfrateca senhomaranismo de la Esperantaj aristokratoj, pli kaj pli ebri-malraciiĝantaj inter la riĉeco de siaj senlimaj vorttrezoroj. Helpe al ĉiu ajn mia Ŝatano kaj la malofta kompatinda L. Ak-ano (malŝatato), mi petas permeson ekpafegi per la de mi denove rekonstruita kanono (kaperkanzono) nome Regulo 17-a kaj tiel ; ke tuj, en unu ĝoja tago, foren-foriĝu ĝis Neniamo la entuta fi-neologismaro kaj ĉiuj ne-oficialaj fuŝradikoj.

Jen la regulo 17-a, kiu parolu por si mem :

*Regulo 17-a.* — KIAM la rekta senco ne montras al ni, kian nome substantivon ni devas preni, tiam ni uzu la substantivon « ZUMPO », kiu memstaran signifon ne havas.

(Mi bone ricevis de la hejma haveno mian ĉiumonatan cerbnutradon. Estas vere, ke la familio pli kaj pli konsterniĝas pro la ĉe mi ĉiumonata kreveksplodo. La kuracisto preskribas al mi ricinoleon : sed, ĉu vi mem komprenus tion taŭga lubrikaĵo por pirata laringfundo ???)

Ĉapĉekape via,

JOAB ELJOT.

ano de la regnino (ĉar senglava) « K ».



Al tiu ĉi interesa komuniko de nia bona amiko Eljot ni povas nur modeste respondi, ke ni zumpe zumpis zumpante pri la zumpeco de l' zumpaĵo. Dankon, same al vi ! Kaj zump', zump', hura !

# La Administranto parolas

Jen sekvas kelkaj vortoj nepre necesaj por certigi bonajn rilatojn inter administranto kaj administratoj. Unue ni diru kelkajn vortojn al la membroj de l' elita legantaro. Kaj plej unue al niaj japanaj kaj ĥinaj amikoj.

Ni scias kaj spertis, ke vi preferas pagi per poŝtaj respondkuponoj. Sed, kiam vi aĉetas en via lando internacian respondkuponon, bonvolu atentegi, ke la poŝtoficisto metu ankaŭ la *internacian* dato-stampon. Lastatempe ni ricevis el viaj tiel simpatiaj landoj multajn respondkuponojn, kiuj montris datojn, kiuj estas laŭ Eŭropa vidpunkto tute farsaj kaj fantaziaj. Ekzemple: 0.3.13. — aŭ 4.5.26. — k. s. kaj la ĉi tiea poŝto malakceptis ilin. Por via orientiĝo, orientaj amikoj, ni sciigas al vi, ke nuntempe en Eŭropo ni ĝuas, se tiel oni povas diri, la jaron 1935. Respondkuponoj, kiuj ne montras la jarciferon 35, por ni ne havas pli da valoro ol la Kontrakto de Helsinki *).



Ekzistas unu kategorio de elita legantaro, kiun ni ŝatas super ĉio. Estas tiuj honorindaj individuoj, kiuj scias mem, kiam ilia abono komenciĝis kaj finiĝos kaj kiuj, spontanee, plilongigas tiun abonon sufiĉe frutempe, por ke ĉio funkciu glate kaj senfrote. Ilin ni benas.

Koncerne la aliajn, kiuj neniam scias, ĉu estas tempo por pagi kaj kiuj, tial, kredas, ke ankoraŭ ne alvenis la ĝusta momento, ni estas tre ĝenataj. Se ni pripensas, ke en ĉiu vivanta Esperantisto kuŝas ebla kliento, ni devas kompreneble montriĝi ĝentilaj, servopretaj, respektplenaj, komplezaj al tiuj « neŭtralaj » kunikloj. Tial, kiam abono finiĝas, ni tre diskrete aldonas sur la adres-banderolon la multsignifan vorton « *Abonfino* », kiu tamen kaj ŝajne ne estas tre facile komprenebla en Esperanto. Se intertempe ne alvenis la abon-plilongiga mono, pro homa kompato (kaj pro la ĝentileco, kiun ni ŝuldas al ebla kliento) ni tamen ankoraŭ sendas la proksiman, kvankam ne plu pagitan numeron kun la mencio « FINO », kiu havas nun definitivan aspekton.

*) Vidu en La Enciklopedio.

Tiurilate necesas aldoni, ke niaj banderoloj estas pretigitaj kiel eble plej frutempe, tial povas okazi, ke sur iu banderolo provoke reliefiĝas kelkfoje la vortoj « ABONFINO » aŭ pli lakone « FINO », kvankam la adresito pagis dum la lastaj tagoj. Komprenu, ke ni ne povas ĉiufoje, kiam ni ricevas abonrenovigon traserĉi ĉiujn banderolojn por korekti ne plu taŭgan indikon. Do komprenu kaj ne koleru. Se vi intertempe pagis, vi povas vivi feliĉe kaj pace, ne okupiĝu pri la banderolo.



Nun ni dezirus paroli inter kvar okuloj kun la eks-elitiĝema legantaro. La praktiko montris al ni, ke ne ĉiuj abonantoj deziras plidaŭrigi sian abonon. Al unuj ni funde malplaĉis; aliajn ni grave ofendis, ĉar — kvankam ili estas multjaraj abonantoj, ni tamen ne hezitis primoki ilin aŭ eĉ ni kuraĝis ne publikigi alsenditan manuskripton, kiam ĉi tiu manuskripto ŝajnis al ni tute seninteresa aŭ kretendevena, — aliaj, pro aliaj kaŭzoj ne plu emas pagi, ktp. — Ĝis nun, preskaŭ ĉiuj adoptis por informi nin pri sia nereabonintenco la saman sistemon: Ili tute simple mutiĝis.

Por plifaciligi nian laboron, por eviti al ni la penon montriĝi komplezemaj, kie ĉiu espero estas perdita, bonvolu do, karaj provizoraj abonantoj, sciigi nin, kiel eble plej frutempe pri via definitiva decido ne daŭrigi vian abonon. Por helpi al vi, ni eĉ kunmetis diversajn receptojn, kiujn bonvolu uzi senĝene. Vi vere faros al ni servon, pro kiu ni estos dankaj al vi.

Jen sekvas ĉi sube kelkaj receptoj por malaboni nian honorindan kaj tiel altnivelan gazeton « La Pirato ». Bonvolu, ĉiu laŭ sia plaĉo, elekti la taŭgan formulon. Ne necesas rekopii la tutan prozon, sufiĉos konigi al ni la respondan kodliteron (**A.** — **B.** — **C.** — **D.**) kaj eventuale sufiĉos noti tiun literon sur la banderolon de malakceptita kajero, kiun oni resendu al la sendinto.

**A.** — Tre estimataj sinjoroj,

Dum unu jaro mi legis viajn stultaĵojn kaj maldecaĵojn. Tio sufiĉas. Bonvolu de nun konservi viajn kajerojn por vi.

Krevu!

Samideane via...

**B.** — Karaj kanibaloj,

Pro la nunaj politikaj cirkonstancoj en mia lando kaj nedezirante endanĝerigi mian hejman pacon, mi petas vin tre energie, ke vi ne plu sendu al mi la ŝatatan revuon, kiun mi ĉiam bedaŭros.

Fidele kaj eterne via...

**C.** — Sinjoroj,

Ankaŭ en mia monujo estas krizo. Ĉu vi komprenas? — Do, ĝis pli bonaj tempoj!

Kore via...

**D.** — Karaj amikoj,

Mi havas la plezuron sciigi al vi, ke ĵus mi edziĝis. Ĉar nun mi havos mem sufiĉe da distraĵoj, mi ne plu bezonas « La Piraton ».

Dankante pri via ĝisnuna apero, mi restas

via feliĉa...

---

*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# NIAJ ABONEJOJ

*Aŭstrujo :* S-ro Alfred Klein, Flossgasse 7/4-a, *Wien II.* — Unu jaro : S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo :* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro : Kr. 20,—. Poŝtĉek-konto 12.371 Praha, « Svaz cs. esperantistu ».

*Germanujo :* Ĉiuj poŝtoficejoj akceptas poŝtmandatojn por J. Solsona, 9, rue Hallé, *Paris-XIV*[e]. — Unu jaro : RM 2,—.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo :* S ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro : Pesetoj 6,—.

*Italujo :* Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro : Lit. 12,50.

*Japanujo :* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro : 3,50 jenoj.

*Nederlando :* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto : 230 505. — Unu jaro : Guld. 1,25.

*Polujo :* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo :* S-ro Oskar Svantesson, Mariagatan 7-9 A, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro : Kr. 3,75.

**Abonoj povas komenciĝi ĉiumonate.**